# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 14/01/2016 Ducentkvindekdua eldono 14/01/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo


Estas pli ol **260,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 105. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Iom pli pri “de”. E.

La signifo de “ate” havas tri signiferojn: ĝi indikas la tempon, la nefinitecon, kaj la pasivecon, kaj krome estas adverbo. La sufikso “-ata” plej ofte uzatas kun verbo, por indiki la tempon, nefinitecon, kaj pasivecon de la ago en la verbo. Sen la verbo, do uzata nuda, ĝi referencas al neŭtrala ago “fari” reprezentanta specifan agon subkomprenatan. La etnaj lingvoj ne havas vorton por ĉi tiu nocio de la sufikso. Se en Esperanto oni volas krei novan prepoziciaĵon, kiel ekz. “kadre de”, oni uzas taŭgan adverbon kun ekzistanta prepozicio, plej ofte “de” kaj “al” kaj “kun”. Krome en Esperanto oni povas, laŭ Zamenhof, uzi vorton en speciala kategorio, donante al ĝi reduktitan signifon, se ĝi enhavas pli ol unu signiferojn. Per ĉi tiu Regulo mi antaŭ dek jaroj reduktis la signifon de tempo, nefiniteco, kaj pasiveco al nur pasiveco ĉe la sufiksaj adverboj “ate” kaj “ante”, sed nur kiam ili uzatas kun “de” aŭ “al” en prepoziciaĵo. Tion mi povis fari, ĉar tiuj adverboj ankoraŭ ne estis uzataj nudaj. La anglaj signifoj de “ate de” kaj de “ante al” estas “by” kaj “done to”.

Daŭrigota.

Marcel Leereveld.

# Niaj Kulturaĉaj Vortoj.



Se ne-Esperantistoj konus la tiel nomatan Esperanto-kulturon, ili traktus nin kiel idiotojn. Svarmas inter ni idiotaĵoj kiujn ni eĉ uzas en oficialaj anoncoj kaj raportoj. Ne-Esperantistoj kiuj deziras agi kontraŭ nia lingvo, kaj ekzistas multaj, havus ŝancon por ridindigi nin kaj nian vantecon.

Kiam ni rigardas filmon, ni spektas ĝin, dum la etnaj lingvoj ne bezonas du vortojn: por ili, se oni rigardas la televidon ĉiu scias ke oni rigardas la programon, ne la aparaton. Kia sensencaĵo, tiu spekti. Proksiman fojon alia ŝerculo inventos specialan vorton por legi librojn, anstataŭ legi vortojn ie ajn. Dum kongresoj niaj helpantoj ridinde fariĝas ĉiĉeronoj kaj korifeoj. La bona atmosfero inter la kongresanoj fariĝas la bona etoso, la signifo de kiu vorto cetere malpli ĝustas ol la metafora "atmosfero" por la interrilataj sociemoj. En aliaj okazoj ni organizas staĝon anstataŭ la modesta intensa kursaro.

Simile pri la vorto "disde", kiu vorto signifas "foren en diversaj direktoj", sed kiun oni uzas malklere por la signifo de "for de" aŭ "for el", en unu direkton. Kaj multaj ne nacilingvumas, sed krokodilas, dum ekzistas neniu metafora rilato inter krokodiloj kaj paroli etnolingve. Kia stulta tiel nomata "kulturaĵo". Kaj aperas ankaŭ la ŝercaĵo "far", kiu signifus la kontraŭon de tio kion la karaj samideanoj volas diri: La manĝo antaŭ la prelego fariĝas la manĝo antaŭas la prelegon, kaj la poemo far la poeto fariĝus la poemo faras la poeton. Kiom inteligenta! Ĉu ili neniam lernis kiel en Esperanto fari verbon el prepozicio? Ĉu ili estas korektaj anstataŭ ĝustaj se ili ne korektis sin? Ĉu mi ree devas mencii tion, ĉar "denove" signifas "post kiam ĝi estis nova", kiel en "mi posedas la aŭton denove", el kiam ĝi estis nova.

Kaj post ol legi la landnomojn kun la monstra sufikso "i", mi ne ĝisas vin, ĉar tio signifus ke mi etendiĝas ĝis vi, kaj mi ne diras "ĝis la", ĉar "la" ne povas uzati sen substantivo. Do mi simple diras la gramatike ĝustan "ĝis reo".

Marcel Leereveld.

# Esperanto ne estas nacia lingvo, ĝi fakte estas supernacia lingvo.



Koran dankon pro la bonega "Aŭstraliaj Esperantistoj" kiuj eniris mian komputilon kaj estis legata kun eĉ multe da intereso!

Zamenhof tre deziris liveri al ni ĉiuj perfektan lingvon uzeblan



kaj uzindan al ĉiu homo sur la tuta planedo. Sed, kiel ni ĉiuj hodiaŭ scias, tabako estas terura veneno, kaj kvankam Zamenhof estis bonega kaj bonkora kuracisto, li tamen mem fumis tiun malbonodoran venenon. 

Do tio, kio devis okazi, okazis. Zamenhof estis devigata eliri el sia eluzita korpo kaj eniri multe pli bonan vivon. Tion li faris, sed nur kelkajn monatojn poste li eniris en la sinon de nederlanda patriniĝontino. Li do naskiĝis en Amsterdamo kaj kiam li estis sufiĉe matura, li daŭrigis sian kreadon de sia, kaj mia amata lingvo Esperanto.



Nun ĝi estas multe pli bona danke al la diligenta laboro de nia plej bona esperantologo, kiu hodiaŭ nomiĝas Marcel.



Kun multa ĝojo mi legis lian artikoleton pri la multaj konfuzaj signifoj de "de".

Sed nun li sukcesis solvi ankaŭ tiun problemon.

En alia artikoleto li bonorde kritikas tiujn, kiuj opinias sin multe pli lertaj kaj kapablaj ol la majstro mem. Tiuj, kiuj provas enigi multajn stultajn kaj nenecesajn vortojn en la lingvon. Ĉu ili ne komprenas, ke tio, kion ili provas fari, igos Esperanton dialektohava lingvo same kiel ĉiuj naciaj lingvoj. Esperanto ne estas nacia lingvo, ĝi fakte estas supernacia lingvo. Neniu devus havi la rajton - aŭ volon - enkonduki nenecesajn vortojn en ĝin !



Plej amike, Bob Felby

# Kiam la kato estas for, la musoj dancas



Ĉiu ŝatas iom vojaĝi dum ferio, malkovri novajn lokojn , forlasi la bruon kaj stratsvarmon ,sed estu preta je surprizo kiam vi rehejmiĝos.

Kiel diras franca proverbo kiam la kato estas for, la musoj dancas. Ĝuste dum ni dancis kaj muzikis , ankaŭ la kakatuoj havis feston en la ĝardeno. Aŭdiaŭ prunoj, pomoj, piroj por ĉi tiu jaro!!!!!!



**Franciska Toubale.**

## La 15-a de Januaro INTERNACIA TAGO DE MUZIKKOMPONISTOJ



Memoriga tago por honori ĉiujn komponistojn en la mondo, kiuj alportas per sia arto la fluon de homaj emocioj, kaj tiel eternigas momentojn kaj sentojn de la vivo en muzikon, ian nutraĵon por la Animo.
Kun plej bonaj deziroj pri plena sukceso por tiu nova jaro 2016, plejege amike,
Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com





Retradio - 5 minutoj tage - spertigu vian Esperanton

8 Pri la evoluo de la homa cerbo (I) Tiun ĉi sonartikolon verkis kaj produktis Gian Piero Savio el Israelo

## Vortoj de "Lernu"



*ĉantaĝ/i* (tr) ⚖Devigi iun per skandalminaco pagi monon aŭ doni avantaĝon: *lia iama amdonantino ĉantaĝis la ministron*.

*ĉantaĝo*. Ago de tiu, kiu ĉantaĝas: *neniam cedu al ĉantaĝo*.

*ĉantaĝisto*. Tiu, kiu vivtenas sin per ĉantaĝoj.



## Pri 3ZZZ radio

En la elsendo de la 11a de januaro 2016 estas prezentita de rusa esperantisto fama brita verkisto Rudyard Kipling …. eble vi lernos iom pli pri li.

Kiel multaj homoj ĉu vi kredas ke Joe Hill estis usona kantisto ? Aŭskultu la elsendon kaj eksciu pri lia sveda deveno kaj kial li migris al Usono.

Antaŭ kelkaj monatoj Hillary Chapman kadre de intervjuo klarigis kial oni parolas la kimran en Patagonio. Se vi mistrafis tiun intervjuon aŭskultu Garvan Mackoy, ankaŭ li vizitis Patagonion .

Ĝojan aŭskultadon deziras al vi Franciska Toubale